**Porto Alegre, RS • Brazilo • Decembro 2007 • 11-a Jaro • N-ro 34**

# GajaHaveno



**INTERVJUO**

## Reinaldo Zaghetto:
## 'Esperanto ŝanĝis mian vivon.'



**La intervjuito de ĉi tiu numero de GH estas Reinaldo Jorge Zaghetto, eksa prezidanto de GEA**

**Kion signifas E-on en via vivo?** Potenca forto kiu ŝanĝis mian vivon, ĉar pere de ĝi mi havas mian nunan familion.
**Iu libro, iu filmo, iu muzikaĵo.** Libro: *Dom Casmurro*, filmo: *O Pagador de Promessas*, muzikaĵo: *La Sesa*, de Beethoven
**Kion vi ŝatas spekti sur la TV?** Esplorfilmojn.
**Iu memoraĵo el la infaneco.** La unua lernotago en lernejo.
**Via granda idolo en la adoleskanteco.** Bobby Fischer
**Kian talenton vi ŝatus havi?** Pentrarto
**Iu famulo kiun vi admiras.** Fidel Castro
**Kio dolĉigas la vivon?** La salo, ĉar ĝi milde bongustigas la manĝaĵojn de la tuta mondo.
**Kio maldolĉigas la vivon?** La sukero, pro multaj malsanaĵoj provokitaj de ĝi.
**Se vi havus pli da tempo...** Mi legus, kaj lernus plie.
**Iu revo.** Ke Esperanto estu akceptata de la tuta Homaro.
**Iu hobio.** Tabulludoj.
**Iu bela virino.** Oni diras tion pri la patrino de Jesuo, mi ne pridiskutos.
**Iu loko kiun plaĉus al vi koni.** Verona, Italio



**Iu donaco kiun vi ŝatas gajni.** Libroj
**Mi ne vojaĝas sen...** ideo pri la reveno.
**Via plej granda fiero.** Esti lernavida.
**Mono estas bona por...** elspezi.
**Kion vi skribus sur via tombŝtono?** Daŭras la vivo!
**Mi estas...** simple homa.
**Iu frazo.** Fiat Lux! ■

## 2> KURIOZAĴOJ/ AKTUALAĴOJ/ HUMURO/ KOLOFONO

# VILHELMO

He, amikoj, ne forgesu: la 15an de decembro, la Zamenhof-Tago en UGAPOCI.



***NECROTÉRIO*** – Danke al Vicgrafo de Taunay, aŭtoro de *A Retirada da Laguna* (*La Retiriĝo el la Laguno*), kies unua versio estis verkita en la franca, estis la kreinto de la portugala vorto *necrotério* (kadavrejo) ĝuste por anstataŭigi *morgue, iu galicismo uzata en Portugalio kaj en la hispana.*

**ARABAJ NUMEROJ** – Estis iu itala matematikisto, Leonardo Fibonatti (1170 – 1240), la unua diskoniganto de la arabaj numeroj en la Okcidento. Li konatiĝis kun la araba numersistemo dum vojaĝo al la nordo de Afriko.

**UNIVERSALA EKLEZIO** – La Universala Eklezio de la Regno de Dio havas 4.748 preĝejojn kaj 9.660 paŝtistojn en 172 landoj en la mondo. Laŭ IBGE (Instituto Brasileiro de Geografia e Estatística), ĝi havas 2 milionojn da adeptoj en Brazilo.

**TEMPERATURO** – Studo farita en aŭgusto en Tokio montris, ke dum la temperaturo en la urbocentro de la japania ĉefurbo atingis 40°C, la termometroj en la antaŭurbo, en arbohavaj kvartaloj, restis je 28,5°C.

**EKSTERLANDE** – Ekzistas 3 milionoj da brazilanoj kiuj loĝas nuntempe en la eksterlando. 10% el ili en Japanio, kiuj sendas US$ 2 miliardojn po jaro hejmlanden.

**Gaja Haveno**

Esperanto-Informilo Sendependa

Redaktas César Dorneles Soares

Str. Umbu, 421/203
Porto Alegre, RS, Brazilo
PK-do BR-91350-100

dornelessoares@uol.com.br

Sendata al Argentino, Urugvajo kaj Ĉilio

Senpaga disdonado

Oni petas interŝanĝon.

**VALO DE LA FELIĈO** – En la landinterno de Rio Grande do Sul, en la Vale da Felicidade (Valo de la Feliĉo), urbetoj je unu horo for de Porto Alegre ĝuas sociekonomiajn indicojn proprajn de la t.n. Unua Mondo. En Linha Nova ekz. okazis nur du raboj en 2006. En Nova Petrópois la infanoj studas en publikaj lernejoj sub integra periodo. En Picada Café ne estas vicoj en la san-asistejoj. Aliaj pozitivaj indikaĵoj de la Valo: malriĉeco: 4%, analfabetismo: 2,8%, infana morteco: 0,7%, maldungo: 5%, vivtempdaŭro: 79,1

**Gaja Haveno - 10 jarojn je la servo de la E-Movado.**

# Agenda de esperantista em Porto Alegre



**BABILA RONDO** – Conversação sob a coordenação do Prof. César Dorneles Soares. No primeiro sábado de cada mês, 15h, na Associação Gáucha de Esperanto: Rua dos Andradas, 1251/101 – Fone 3228-3198. ▸ **01/12**

**ESPERANTO-MODULOJ** – Módulos de estudo aprofundado do esperanto sob a coordenação do Prof. Marcelo Stoduto. Na terceira segunda-feira do mês, 14h, e no terceiro sábado, 15h, na Associação Gaúcha de Esperanto. ▸ **08/12**



**VERDA KAFO** – Bate-papo informal que reúne não só esperantistas da Capital bem como de cidades vizinhas. Desde 1978. No último sábado de cada mês, 16h, no bar-restaurante Tutty's: Av. Independência, 30 – Centro Comercial Independência (em frente à Santa Casa). ▸ **29/12**

## BERNARDO

Al la legantoj de GH
Feliĉan Kristnaskon
Kaj iun 2008an plenan
je paco kaj prospero!



## FALSOS AMIGOS

**Promoção/ Promocio**

*Promoção* tem em português o sentido de 'ato ou efeito de promover', 'elevação ou acesso a cargo ou categoria superior, ascenção' sendo que *promover*, dentre outras acepções, significa 'dar impulso a', 'trabalhar a favor de', 'favorecer o progresso de', 'fomentar', 'causar, 'gerar', 'provocar', 'elevar a (cargo ou categoria superior'. *Promoção* apresenta igualmente o sentido de 'conjunto de atividades que visam a fortalecer a imagem de uma marca, instituição, indivíduo, etc.' como p. ex. instituição de prêmios e descontos especiais. O esperanto *promocio*, por sua vez, goza de uma acepção mais restrita: ato de 'elevar-se a um grau maior': 'promocio de episkopo al kardinaleco' ('promoção de um bispo ao cardinalato'). Tem como sinônimo *rang-altiĝo*. Também é usado como termo do jogo de xadrez, em que um peão é promovido a uma peça de valor maior. **>C.D.S**

# Blogo el Papero

< Instr. César Dorneles Soares

**Mi dubas** ĉu fakte Al Gore havas ian ideon en la kapo pri kandidatiĝo al la usona prezidenteco en 2008. Ĉu li povus plu libere defendi siajn ekologiajn starpunktojn estanta prezidento de la plej industriiĝinta lando en la mondo? Dubinde.

**La bonaj kulturfilmoj** de BBC nun videblas je la 13h de lundo ĝis vendredo en Record News (kanalo 18a). Mi jam akompanis kelkajn pri la vivkondiĉoj en Palestino kaj Norda Koreio ekzemple. Estas terure sciiĝi, ke en la koncentrejoj de Nord-Koreio la viktimoj de la diktatura reĝimo devas submetiĝi al eksperimentoj pri uzado la t.n. kemiaj kaj bakteriologiaj armiloj. Kiel granda estas ankoraŭ en la mondo la manko de kompato! Ĝis kiam?! La 'reala socialismo' transformiĝis en la plej grandan perfidon al politikaj idealoj en la 20-a jarcento.




**Estas por mi** ĉiam granda ĝojo legi iun ajn romanon de la ĉilia verkistino Isabel Allende, aŭtorino de la plejvenditaĵo *A Casa dos Espíritos* (*La Domo de la Spiritoj*). Aparta kuriozaĵo en la romano estas aludo al Esperanto. La lasta lanĉita en la portugala estas *Inés de Minha Alma* (*Agnesa de Mia Animo*), eldonejo Bertrand Brasil, en kiu ŝi enromanigas la vivon de Inés Suárez (1507-1580), hispanino kiu partoprenis en la konkero de Ĉilio kaj en la fondo de Santiago. Amantino de Pedro de Valdivia, la konkeranto, ŝi ĝuis grandan politikan kaj ekonomian povon. Alia kuriozaĵo: la romanistino nur ekverkas siajn romanojn je la 8a de januaro de ĉiu jaro.

'**Plue gravas** ke oni prezentu nur faktojn kaj nek duonfaktojn nek dezirojn. Estas neimageble, kion oni ofte legas ekzemple en nacilingvaj informiloj nur pri la nombro aŭ facileco de Esperanto. (...) Tio estas neserioza reklamo kaj propagando. Se la varbitoj poste konfrontiĝos kun la realeco, ili povos forte seniluziiĝi. Reala kaj realisma informado donas pli solidan bazon por atingi kaj teni homojn.' (Detlev Blanke, *Der Esperantist*, 1981). Tute prave! Oni fanfaronas pri la 'facileco de Esperanto' ne konsciiĝante, ke eventuala lingva facileco ne estas unu el la ĉefaj kialoj por ke homo pensu pri eklernado de lingvo; oni fanfaronas pri la nombro da esperantistoj en la mondo; pri la perfekteco de Esperanto, kvazaŭ povus ekzisti ia 'perfekta lingvo', revo inkluzive de eternaj reformemuloj. Lingvoj estas nur limigitaj simbolsistemoj pere de kiuj ni provas, kun pligranda aŭ plimalgranda grado da sukceso, esprimi buŝe/sbribe la ▸

▸ la kompleksajn nuancojn ĉu de la penso ĉu de la sento, tio estas, ili estas nature neperfektaj kaj ĉiam restos. Jes ja, oni fanfaronas multe eble pro tio, ke intime oni multfoje ankoraŭ ne estas tute konvinkiĝintaj pri la potencialaj kvalitoj de Esperanto. Esperanto estas nenia komerca produkto senkvalita por ke oni nepre bezonu fanfaroni pri ĝi cele al disvendado.




**IDIOMAĴOJ** - El la libro *Tingo: o Irresistível Almanaque das Palavras que a Gente não Tem*, de Adam Jacot Boinod (eldonejo Conrad):

**Olfrygt** – el la dana: "timo manki biero'.

**Catra patra** – el la turka: "fuŝe paroli lingvon".

**Bakkushan** – el la japana: "bela virino dorse vidata".

**Kummerspeck** – el la germana: "pezo kiun oni akiras kiam ekmanĝadas pro deprimo".

**Yugen** – el la japana: "konscienco pri la Universo kiu vekas tro profundajn kaj misterajn sentojn por esti esprimataj per vortoj".

**Mokita** – el la *kiriwana* (Papuo-Nov-Gvineo): "la vero pri kiu ĉiuj scias sed pri kiu neniu volas paroli".

**Koro** – el la japana: "timo, ke la peniso estas mallongiĝanta enen de la korpo".

M**i apartenas** al generacio kies adoleskanteco estis travivita en la 60aj kaj 70aj jaroj, ora periodo en kiu la kultura efervesko dominis la scenejon de la homaj interrilatoj. Tio estas, alia tute malsimila panoramo kompare kun tiu de la kompatinda dekadenco de ĉi tiu epoko, ja multe pli teknologie disvolviĝinta sed tute dominita kulture parolante pri la malvirtaj leĝoj de la Dio Merkato (vd. penson de Ferreira Gullar rilatan al tio en nia citaĵrubriko). Fuŝa dekadenco de skleroza civilizo. Kie la novaj Caetano-j Veloso-j, Os Mutantes, Secos & Molhados ktp, ktp, ktp ĝuste por doni ekzemplojn de la nacia muzika kunteksto? Tial, kiam iu bonkvalita artisto aperas post certe granda lukto persona por superi la barojn de la merkataj kriterioj de la Granda Fabriko pri formeteblaj artistoj, ni devas elkore bonvenigi lin/ŝin. Bonvenon, Zeca Baleiro, mia nova preferata komponisto/kantisto... Vivu Maranhão.

'Por qué no te callas, Bush?'
Jen simpla demandsugesto al la reĝo Juan Carlos...



# Bizara Planedo



### • KRUELA ARTO

Kostarika plastika artisto Guillermo Vargas ekspoziciis en Managvo, Nikaragvo, en aŭgusto, hundon malliberigitan ĝismorte. Vargas nun volas fari la samon en la Bienalo de Honduro, malgraŭ la protestoj de bestprotektaj institucioj. Li argumentas, ke la *instalaĵo* estas omaĝo al homo mortigita de hundo.

### • NACIA HIMNO MALPERMESATA

Konsekvencoj de la 2-a Granda Milito: en Germanio certe pro timo de ia ajn stimulo al ŝovinismo estas prohibite kanti la nacian himnon en la lernejoj.

### • BIZARAĴOJ SURTELEVIDE

TV-programero en Anglio sukcesis kiam ĝi listigis kelkajn el la plej bizaraj leĝoj en la mondo. La venkinto estis normo en Ohio, en Usono, kiu malpermesas ebriigi fiŝojn. En Anglio, estas prohibite morti ene de la Parlamentejo. En Indonezio masturbado povas konduki al senkapigo. En Francio ne estas permesate bapti la porkojn kiel Napoleonon.
**< Revuo Época**

## JUVENALO

En Belgio, la policistoj kiuj patrolas la areon de prostituado en Bruselo estis prohibitaj eniri en bordelojn kaj drinkejojn dum la labordeĵoro. Jen tasko por Kapitano Nascimento!...



### • @

Ĉina patro volis bapti la filon per iu @ en la nomo. La Justico decidis, ke tio ne eblas ĉar la nomoj en la lando devas esti tradukeblaj al la mandarena lingvo.

### • SALAJRO LAŬ LA STATURO

Ĉina eksport-entrepreno lanĉis oferton pri dungo en kiu la salajro akordiĝos kun la staturo de la homo. Tial dungitinoj kiuj havos 1,60m laŭ alteco ricevos salajron respondan al US$ 130, tiuj kun 1,70m – US$ 260. La entrepreno produktas plastaĵojn kaj ĝardenkulturajn ekipaĵojn kaj serĉas laboristinojn kun 'bona sinprezento'. Ho, Karl Marx... ■

# Feministaj divenaĵoj

▸ Kial ne estas hontinde elekti viron multe pli junan ol la virino?
- Ne estas diferenco. Ili ja neniam maturiĝas...

▸ Kiel la viro pruvas, ke li estas pensanta pri la estonteco?
- Kiam li iras al la supervendejo por aĉeti keston da biero kaj aĉetas kvin.

▸ Kiom da viroj kapablas meti la tualetan paperon en la ĝustan lokon?
- Hmmm... tio neniam okazis antaŭe...

▸ Kion diris Dio kiam li faris la viron?
- Mi povas fari plibone.



▸ Kiu estas la difino de iu romantika nokto por la viroj?
- Sekso.

▸ Kial la hipnozo funkcias plibone kun viroj ol kun virinoj?
- Ĉar kiam oni petas, ke ili retroiru al la infaneco, ili jam estas preskaŭ tie.

▸ Kial la viroj preferas la virgulinojn?
- Ĉar ili tute ne eltenas komparojn.

▸ Kion la viroj komprenas kiel antaŭfarojn (*preliminares*)?
- Duonhoron da flirteto.

▸ Menciu unu ekzemplon kiu montras, ke virinoj havas simplajn ŝatojn en la vivo.
- Viron. ■

**HARRY POTTER** – En 10 jaroj, la 7 volumoj kun liaj aventuroj vendis 400 milionojn da ekzempleroj tradukitaj al 64 idiomoj. Nur la Biblio kaj La Ruĝa Libro de Mao Zedong vendiĝis plie. En la interreto estas 700 mil blogoj dediĉitaj al la fikciuloj kreitaj de J.K. Rowling.

**1978/ 2008 30-jariĝo de Verda Kafo. Ni festu kune!**

## 8> IDEOJ

# Kion ili diris

> ◂ VORTLISTO
>
> **zorgumi** = preocupar-se
> **stelulino** = estrela (pessoa)
> **danĝera** = perigoso/a
> **kajero** = caderno
> **ekbabili** = começar a bater papo
> **fariĝi** = tornar-se
> **kondomo** = preservativo
> **stratbalaisto** = gari
> **kurteno** = cortina
> **sensencaĵo** = tolice
> **manlaboreco** = artesanato
> **celo** = objetivo
> **lasi** = deixar

Mi ne zorgumas kiam oni komparas min al Pelé.
< **Marta,** la granda stelulino de la brazila virina futbalo

La plej malbela kaj danĝera urbo kiun vi jam amis.
< **The New York Times,** en la turisma kajero, pri San-Paŭlo

Mi restas pli kaj pli sola, ĉar la homoj kun kiuj mi interkonatiĝas, ekbabilas, fariĝas pli intima, kiam mi estas preskaŭ *tie*, mi ekrimarkas, ke ili ne ŝatas uzi kondomon. Aŭ li alproksimiĝos al mi kun la ideo uzi kondomon aŭ tute ne uzos mian korpeton.
< **Xuxa,** TV-prezentistino

Antaŭe mi ne sciis pri la aferoj. Nun mi scias, sed eĉ tiel ĝi okazis.
< **Cláudia Maria da Silva,** san-paŭla stratbalaistino 40-jara kiu naskis sian18-an filon kies patro estas knabo, 15-jara amiko de unu el la filoj

Estas kurteno inter la Sudo kaj la resto de Brazilo.
< **Ignácio Loyola Brandão,** verkisto



Se ne estas problemo havi eksterlandajn soldatojn en la patria lando, certe Usono ne oponos al la ideo pri militista bazo de Ekvadoro en Miami. Mi volas bazon en Miami.
< **Rafael Correa,** prezidento de Ekvadoro

Ne estas admiro pli delica ol tiu de la malamikoj.
< **Nelson Rodrigues,** dramaturgiisto

Estas sensencaĵo la ulo fari tipon de supoza arto kiu ne havas manlaborecon, ne havas principon, ne havas normon, havas nenian celon. (...) Kion li lasos al aliaj generacioj? (...) Bach devis lerni muzikon por povi komponi.
< **Ferreira Gullar,** poeto, en intervjuo al Folha de S.Paulo ■